# Esperanto en Azio

(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)

**N-ro 65**
**Bulteno de KAEM**
**Oktobro 2009**

---

## Aliĝu kaj subtenu la 28an Komunan Seminarion

Komuna Seminario (KS) estas junulara Esperanto-seminario inter ĉinaj, koreaj kaj japanaj junuloj. (El aliaj landoj ankaŭ bonvenaj, kompreneble!) Ĝi certe donos al vi freŝan sperton, amikiĝante kun gejunuloj de najbaraj landoj uzante Esperanton. Ni elkore atendas vian partoprenon!!

**Temo**: "Priokupiĝo por junuloj en financa krizo"
**Dato**: la 26a - la 28a de decembro 2009
**Kunvenejo**: Sinteza aŭditorio de Nankina Universitato
**Loĝejo**: Xiyuan-Hotelo por fremdlandaj studentoj en Nankina Universitato
**TTT-ejo**: http://www.espero.com.cn/Cel/index.htmespe
**Kotizo**: (inkluzive de manĝado, loĝado kaj turismo)

Eksterlandanoj:

- Junulo el Japanio kaj Koreio 800 Renminbi juano
- Studento kaj handikapulo el Japanio kaj Koreio 700 Renminbi juano

El Ĉinio kaj aliaj: 600 Renminbi juano

**Provizoraj programeroj:**

La 26an de decembro 2009,

14:00 – 20:00: Informejo, akceptejo

20:00 – 22:00: Interkona vespero

La 27an de decembro

10:00 – 12:00 Inaŭguro

14:00 – 16:30: Kunsido pri la ĉeftemo “Priokupiĝo por junuloj en financa krizo” kaj prezentado de landa Esperanto-movado

19:00 – 21:00: Vizito al Fuzimiao-strato de Nankino

La 28an de decembro

09:00 – 10:30: Veturo al Sunyasen-Tombo kaj najbara parko

post 12:00: Forveturo hejmen

**A L I Ĝ I L O de La 28-a Komuna Seminario**

La 26a-28-a de decembro, Nankino, Ĉinio

Nomo:…………………………………………………………..

Naskiĝtago: ………/….. /…..  Sekso: viro/virino (bv. cirkli)

Vegetarano: ne/jes

Adreso : ………………………………………………………

Retpoŝto : ……………………………………………………

Telefono: ………………………………………………………

Subskribo: ……………………………Dato: …………………

Kotizo: (Signu per kruco)

800 RMB;  700 RMB;  600 RMB

(Vi povas pagi la kotizon ankaŭ surloke, sed bonvolu unue sendi vian aliĝilon al ĈEL [PO Kesto 825, CN-100037 Beijing, Ĉinio])

Bank-konto: 06559908091001

Adreso: Bank of China Beijing Branch Bai Wan Zhuang Sub-Branch (Swift Code: BKCHCNBJ110)

Konto de ĈEL en UEA: celi-p (nepre indiku la pagon por 25-a KS)

Respondeculoj: Jiang Limin, Shi Guang

Telefono: +86-10-68995937  Fakso: +86-10-68321808

Pli da informo: <lamondo@163.com> <simon_sg@hotmail.com>

**“Azia Harmoniiĝo per Esperanto!”**

# La 6a Azia Kongreso en Mongolio

Bonvenon al Mongolio – la lando de l’eterna ĉielo!

**16-19 junio: Antaŭkongresaj ekskursoj**
**19-23 junio: Kongreso**
**23-28 junio: Postkongresaj ekskursoj**

La Unua Bulteno estas en la suba TTT-ejo.
http://esperanto.co.kr/bbs/data/festo/1248164856/ub.jpg




Mongolio estas vasta lando. Dum multaj epokoj tie formiĝis klasika tradicio de nomadaj kulturo kaj civilizacio. Historiaj kaj kulturaj vidindaĵoj en Mongolio, ekzemple, restaĵ-loĝejoj, tombejoj kaj kriptoj, fajrobloviloj de antikvaj homoj, la ŝtonoj kun surskriboj, urboruinoj kaj arkitekturoj, ĝis nun rakontas historion de antikva epoko. Grandega, alta montaro, densaj arbaroj kaj tajgoj, senlimaj vastaĵoj kaj valoj, granda Gobio kun dezertoj kaj oazoj, diafanaj riveroj, akvofontoj kaj profundaj bluaj lagoj sub eterna kaj blua ĉielo… jen estas bela lando de mongoloj, nomada popolo. Blankaj jurtoj, paŝtantaj brutoj, trankvilaj homoj, feliĉaj infanoj… jen estas la nuna aspekto de mongola kamparo.

**Lando de dinosaŭroj**

Mongola nacio estas unu el la grandaj etnoj en la centra kaj nordorienta Azio, kaj mongola teritorio mem estis naskiĝlando de antikva homaro. Fakuloj konfirmas, ke pli ol 700 000 jarojn antaŭe tie loĝis homoj. Krome, la lando estas ege fama pro antikvaj arkeologiaj fosilioj. Multe da ostoj kaj ŝtoniĝintaj ovoj de diversaj dinosaŭroj troviĝas en Mongolio.

**Lando de Ĉingiso**



En la XII-a jarcento kaj komence de la XIII–a jarcento sur mongola teritorio troviĝis multaj memstaraj regnoj, devenaj de mongola, turka-tatara kaj manĉua etnoj. Tamen el ili Hamug-Mongol-regno, eksuperinte sub la gvido de Ĉingiso (propra nomo Temuĝin), sukcesis unuigi ĉiujn mongolajn regnojn post la 20-jara batalado.

**Varmega kaj malvarmega lando**

Mongolio havas kontinento-specifan klimaton, ĉar la teritorio de Mongolio troviĝas for de oceanoj, je la alteco de 1600 metroj super marnivelo. Tra la lando trapasas la suda limo de eterna frostiĝo kaj la norda limo de la centra-Azia granda dezerto.

Mongolio situas en modera klimata zono. Vintro estas malvarma kaj longdaŭra, sed somero estas mallonga kaj varma. Averaĝaj temperaturoj de la aero vintre estas -15~-20°C, somere +20~+25°C, sed absolutaj temperaturoj atingas vintre -50°C, somere +40°C.

**Provizoraj programeroj**

[En Halo kaj ekstere]

1. Malferma ceremonio　　2. Nacia Vespero
3. Internacia Vespero
4. Koncerto (Eruda LI kaj mongola pianistino)
5. Ferma ceremonio　　6. Akcepto de la urbestro

[Ĝeneralaj kunsidoj]

1. KAEM -fermita (KAEM)　　2. KAEM -publika (KAEM)
3. Ĝemelaj urboj (Wu Guojiang)　　4. Aŭkcio

5. Kongresa temo
6-7. Mongola eksprese 1, 2
8. Pri Mongola Historio
9. Pri Mongolaj Arto, Kulturo
10. Junulara renkontiĝo
11. Oratora konkurso
12. Esperantologio
13. Kongresa universitato
14-15. Konversacio 1, 2
16. Novaj Esperanto-libroj

[Fakaj kunsidoj]
1. Instruistoj
2. Kuracistoj
3. Komercistoj (WANG Tianyi)
4. Artistoj (Eruda LI)
5. Sportistoj
6. Budhismo
7. Katolikismo
8. Kristanismo
9. Oomoto
10. Ŭonbulismo
11. Kunlaboro inter religioj
12. Turismo

[Personaj kunsidoj]
1. Pri Seula Esperanto-Kulturcentro (LEE Jung-kee)
2. Memore al d-ro LEE Chong-yeong (Korea Esperanto-Asocio)
3. Memore al s-ro Kurisu Kei

**Ekskursoj** (prezoj de unupersona ĉambro kaj dupersona ĉambro)
**Itinero A-1**
Granda statuo de Ĉingisĥano, Nacia parko Tereiĝ, Naciaj tri sportoj, 16-19 junio, 436 kaj 425 eŭroj
**Itinero A-2**
Ruino de mongolia antikva ĉefurbo Ĥaraĥorum, budhisma templo Erdenezuu, pitoreska loko Elsen Tasarĥaj, Nacia parko Ĥustaj kun sovaĝaj ĉevaloj, 16-19 junio, 462 kaj 437 eŭroj
**Itinero A-3**
Spertiĝo kun vivmaniero de brutbredanta nomada familio, 16-19 junio, 462 kaj 437 eŭroj
**Itinero P-1**
(sama itinero de A-1), 23-28 junio, 537 kaj 513 eŭroj
**Itinero P-2**
(sama itinero de A-2), 23-28 junio, 516 kaj 492 eŭroj

**Itinero P-3**

Gobi-dezerta regiono, arkeologiaj surŝtonaj imagoj, spertiĝo kun vivmaniero de brutbredanta nomada familio, 23-28 junio, 498 kaj 473 eŭroj

**Itinero P-4**

Lago Ĥuvsgul-la, blua perlo de Centra Azio, spertiĝo kun vivmaniero de boacbredanta nomada familio, Granda statuo de Ĉingisĥano, 23-28 junio, 967 kaj 943 eŭroj

*La prezo inkluzivas veturojn per buso, loĝadon ekde 15 junio en 3-stela hotelo (Antaŭkongresoj) kaj en gero-gastejo de turisma kampo, manĝadon, enirbiletojn kaj gvidanton.
*Loĝado en turisma kampo estas en 4-lita loĝejo.
*Ekskursantoj: minimume 10.
*Detalojn vidu en <http://mongolio.info/?page_id=442>

## Vizito al Mongolio

Por prepari 'la 6-an Azian Kongreson de Esperanto', mi vizitis Ulanbatoron, Mongolio, de la 12-a ĝis la 16-a de septembro, 2009. Dum mia restado, mi plene diskutis kun LKK-anoj kaj koncernatoj rilate al la kongreso. Jen mi listigas la nomojn, kiujn mi renkontis en Mongolio.

(Mongolaj Esperantistoj)

1. S-ro Chimedtseren Enkhee
2. S-ro Ankhbayar Barid
3. S-ro Dorgh Balduuzijn
4. S-ro Batzaya Tsagaan-Taiji
5. S-ro Dorgh Balduuzijn
6. S-ro Dogsuren Khurelbaatar
7. Studentino Dulguun
8. Studentino Tuya
9. S-ino Dagva Gereltogtokh
10. S-ino Tsetsegmaa
11. S-ino Munkhsaikhan
12. S-ro Deshigsuren Ganbaatar
13. Gepatroj de s-ro Ankhbayar Barid

(Japanaj Esperantistoj)

1. AGOU Takaŝi kaj unu esperantisto

(Koreaj Esperantistoj)

1. Korea studentino SOHN Ji-jeong kaj amikino

(Renkontintoj por la kongreso ekster Esperantujo)
1. S-ro Puntsag TSAGAAN (Konsilanto de la mongola prezidento)
2. Prof. Tserendagva ENKHEE (Prez. de Univ. 'Instituto de Socia Scienco'
3. S-ro Tsedendamba Samdan (Prez. de Universala Homama Asocio de Oomoto)

Mi konkludas kaj antaŭvidas, ke Mongola Azia Kongreso okazos sukcese kunlabore kun KAEM kaj LKK.

Mi petas de vi, ke vi ofte vizitu la kongresan retpaĝon 'www.mongolio.info' kaj gajnu novajn informojn. Se vi havos bonajn proponojn por la kongreso, senhezite turnu vin al mi aŭ LKK. LEE Jung-kee (Prezidanto de KAEM)

## Kuracistoj kaj Pacientoj Profitos la AK-on

Korea d-ro PARK Hwa-chong (Esperanto-nomo Urso) iniciatas kuraco-servon antaŭ la AK. Jen lia plano:

1. Itinero

Park kaj 3-4 kuracistoj kun flegistinoj flugos al Ulanbatoro 3 tagojn antaŭ la malfermo de la kongreso. Du tagojn (la 17-an kaj la 18-an de junio, de la 10-a ĝis la 17-a horo) ili kuracservos en iuj du proksimaj lokoj, kiujn Mongola Esperanto-Societo rekomendos.

2. Konsisto de la trupo

El Koreio 3-4 kuracistoj (interna, kirurgia, denta) kaj du flegistinoj.
El Japanio d-ro HARADA Hideki (nedecidita)
d-ro KOBAŜI Rjootaroo (decidita).
El Barato d-ro Ranganayakulu PV (nedecidita).
El Mongolio kelkaj helpantoj.

3. Medikamento

Park portos bezonatajn medikamentojn el Koreio.

PARK Hwa-chong <ursopark@unitel.co.kr>

# Karavano de Eŭropo tra Siberio al Mongolio



Mi nun klopodas organizi Esperanto-karavanon tra Rusio al Mongolio. Pri tio vi povus informiĝi en <www.eventoj.hu> (aranĝoj 2010) kaj en <www.mongolio.info> (Azia Kongreso, E-karavano tra Rusio). Mi esperas, ke ĝin partoprenos ne malpli ol 20 personoj, alie klopodoj pro organizado ne valoros. Se viajn samlandanojn interesas la komuna pertrajna vojaĝo tra Rusio, bonvolu diskonigi la projekton. Loskutova Tatjana <lota49@mail.ru>

**Mongolio**

## Novaj gvidantoj de MES

Okaze de aprobo de nova statuto en marto kaj aliĝo de Mongola Esperanto-Societo al UEA en julio oni elektis novajn estraranojn, revizorojn kaj direktoron kiel sube:

1. s-ro Chimedtseren Enkhee, prezidanto
2. s-ro Dugar Altankhuyag, vicprezidanto
3. s-ro Dogsuren Khurelbaatar, ĝenerala sekretario
4. s-ro Dashnyam Myagmarsuren, estrarano
5. s-ro Shavgants Yansanjav, estrarano
6. s-ro Balduuz Dorj, revizoro
7. s-ino Dagva Gereltogtokh, revizoro
8. s-ro Tulshig Tsogbadrakh, revizoro
9. s-ro Deshigsuren Ganbaatar, ekzekutiva direktoro

D.Ganbaatar <mn_esperanto@yahoo.com>

## "La Sekreta Historio de la Mongoloj" eldonitaj

Ĵus aperis nova libro: "La Sekreta Historio de la Mongoloj". La menciita libro estis ĵus eldonita komence de oktobro, 2009. Riĉe

ilustritaj, la ornamoj kaj preskvalitoj estas bonaj. La enhavon, vi, karaj legantoj, mem prijuĝu. La libron tradukis al Esperanto, unu el niaj veteranaj E-istoj Ts. Bold. La libro havas internacian libro-kodon:ISBN 978-99929-964-1-2.

Sur la paĝo 156 estas indikita la portalo :www.mongolio.info kaj ankaŭ menciita nia diskutlista ret-adreso.

Pri la abonprezo kaj mendebleco demandu al mi.

Batzaya Tsagaan-Taiji <batzaya@rambler.ru>

**Indonezio**

## Heidi, Aŭtoro de *Esperanto en Indonezio*, Instruos Esperanton

Nia belga samideanino Heidi Goes kursos en Indonezio de la komenco de novembro. Laŭ ŝi, jam ĉirkaŭ 60 personoj aliĝis al la kurso en Jogjakarto, Indonezio.

Dato: la 10an de novembro, 2009
de la 10a horo ĝis la 12a kaj de la 14a horo ĝis la 18a
Loko: Pusat Studi Asia Pasifik (Studcentro pri Azio-Pacifiko).
Bulaksumur B-13, Jogjakarto

Heidi Goes <heidi.goes@gmail.com>

**Irano**

## Ne okazis la 1-a Irana Esperanto-Kongreso

La 1-a Irana Esperanto-Kongreso planita okazi inter la 19-a kaj 20-a de aŭgusto ne okazis. Antaŭ du monatoj ni decidis nuligi ĝin pro malbona politiksocia situacio en Irano. Kiam ni atingis la planitan daton, la situacio stabiliĝis. Do kun granda domaĝo ni organizis etan aranĝon ĵaŭde la 27-an de aŭgusto en Sulogun, proksime de Tehrano. Partoprenis ĉirkaŭ 30 personoj kaj prelegis 5, interalie estis vidbenda kaj fota raportoj pri ĵus okazinta UK en Pollando. La aranĝo daŭris 6 horojn, dume ni komune fastrompis.

Keyhan Sayadpour <ksayadpour@gmail.com>

**Israelo**

# La 10-a Komuna Israela Esperanto-Semajnfino



**Grupa foto de la bus-ekskurso**

La 10-a Komuna Israela Esperanto-Semajnfino (KIES), fakte speco de nacia kongreso kun sesdeko da partoprenantoj, okazis fine de oktobro, en la jud-araba vilaĝo Neve Shalom/Wahat-as-salam (en Esperanto "Pacoazo") mezvoje inter Tel Avivo kaj Jerusalemo (samloke kie okazis la seminario antaŭ la UK en 2000).

La kunveno okazis de jaŭdo, la 22-a, ĝis sabato, la 24-a, sed kun abundaj antaŭ-, dum- kaj post-kongresaj ekskursoj por eksterlandaj partoprenantoj (granda grupo el Rusujo interalie) kaj por israelanoj. La ĉeftemo estis "Paco kaj kunekzisto". Pri tio prelegis respondeculo de la Pac-oazo, kiu klarigis la eksperimenton faratan en la vilaĝo, en kiu kunloĝas sama nombro da israelaj kaj arabaj familioj, kiuj provas krei komunan pacan vilaĝon, kiel ekzemplo por la tuta lando. Pri la ĝenerala problemo de paco en la Meza Oriento donis siajn ideojn Renato Corsetti, kiu fakte gvidis debaton inter la ĉeestantaj kongresanoj pri la maniero moviĝi al paco. Temis pri tre vigla debato.

Al tio aldoniĝis pluraj programeroj, de prelego pri kibucoj de Cvi Ŝolt, al ekzercoj pri go-ludado, al prelego de Alicja Sakaguchi pri interlingvistiko kaj religia lingvistiko, ktp. Entute tre sukcesa aranĝo, kiu atendas pli da eksterlandanoj venontan jaron.

La fotoj de la ĵus finita 10-a KIES troviĝas en la albumo http://picasaweb.google.com/Amri.nivut/10aKIES#

Belan albumon/prezentaĵon pri la KIES estas ankaŭ ĉe: http://community.livejournal.com/isratero/4459.html

Fotoj de la antaŭ-KIES-ekskurso al Golano estas ĉe: http://picasaweb.google.com/Amri.nivut/REVI12Golan#

Fotoj de la post-KIES-ekskurso al la Morta Maro estas ĉe: http://picasaweb.google.com/Amri.nivut/MortaMaroPostKIES#

## Intervjuo pri Esperanto Invitis al la KIES


באספרנטו
זה נשמע יותר טוב

Koincide kun la Komuna Israela Esperanto-Semajno en Pacoazo, aperis la 15an de oktobro en Modiin News (la plej granda gazeto de la regiono, aperanta ĉiusemajne en pli ol cent mil ekzempleroj) dupaĝa-intervjuo pri Esperanto, kun Ayala Danon kaj Amri. Ĝi estis treege favora por Esperanto, kun emfazo pri denaskaj parolantoj de Esperanto. Ayala rakontas pri sia grup-vizito ĉe Oomoto, Japanio.

Amri Wandel" <amri@huji.ac.il>

## Beletra Almanako Serĉas Kontribuontojn

Ni serĉas aziajn kaj afrikajn verkemulojn kaj recenzemulojn por la literatura revuo Beletra Almanako.

<http://www.beletraalmanako.com/>.

* Beletra Almanako (BA) estas nova literatura periodaĵo, lanĉita en septembro 2007. Komence ĝi publikiĝis ĉiun sesan monaton, sed ekde 2009 ĝi aperas trifoje jare, en februaro, junio kaj oktobro. Ĝin eldonas Ulrich

Becker (Mondial, Novjorko) kaj redaktas Jorge Camacho (ĉefred.), Probal Daŝgupto kaj István Ertl.

**Japanio**

## La 96-a Japana Esperanto-Kongreso Finita

La 96-a Japana Esperanto-Kongreso sukcese finiĝis. Ĝi okazis de la 10-a ĝis la 12-a de oktobro en Urbo Koohu, 100 kilometrojn okcidente de Tokio. La vetero estis bona, post tajfuno trapasinta la Japan-landon antaŭ kelkaj tagoj. Al la Kongreso aliĝis 381 personoj, dum el ili 234 personoj efektive ĉeestis la kongresejon. Aliaj estas simbolaj aliĝintoj aŭ ne-vizitantoj.



**(Foto: ARAI Toŝinobu)**

La kongresa temo estis "Esperanto, Tergloba lingvo de la 21a jarcento - 150a datreveno de Zamenhof". Laŭ la temo, estis prelego de HUĜIMOTO Tacuo (la Fenestro al Ludovikito) kaj KAWANISI Teturoo, kiu kompilis la kongresan memoraĵon "Nova Zamenhofa Legolibro", ekstrakto el la verkoj de Zamenhof, paralele en la japana kaj Esperanto. Ne nur kongresanoj sed ankaŭ aliaj civitanoj aŭskultis unu-horan 'deklamadon' pri la vivo de Zamenhof, faritan japanlingve en la tradicia kaj speciala deklam-arto nomata '*koodan*', de profesia '*koodan*-isto' KANDA Koojoo.

En la kongresejo, oni jam varbis por la Japana E-Kongreso en 2010, okazonta en Nagasako. Salutis HO Song, la vicprezidanto de Korea Esperanto-Asocio, speciale alvokante al la Komuna Kongreso de la 98a Japana Esperanto-Kongreso kaj la 43-a Korea

Kongreso de Esperanto, okazonta en 2011 en la korea urbo Busano (Pusan). La kongres-urbo por 2012 estis decidita, nome ĝi okazos en Sapporo. SIBAYAMA Zyun'iti <sibazyun@nifty.com>

**Ossaka-premio al s-ino Syozi**

Dum la Kongreso s-ino Syozi Keiko, kiu eldonadis multajn bonkvalitajn librojn el sia eldonejo Libroteko Tokio, estis honorita per la plej prestiĝa Ossaka-Premio en la japana Esperanto movado pro ŝia granda kontribuo al la Esperanto-movado.

**Alice kaj Cedric el Châteauroux, Francio**




En la Japana Kongreso partoprenis Alice kaj Cedric el Francio. Ili vojaĝis bicikle en Vjetnamio, prelegis en Hanoi, poste vizitis Ĉinion kaj pli poste venis al Japanio. En la foto ili tenis kaligrafiaĵojn, sur kiuj estas skribitaj “Francaj geedzoj: bicikla vojaĝo” “Alice kaj Cedric”.

## En du universitatoj ekvigliĝos E-kluboj

Revivis Esperanto-klubo en Teknika Universitato de Tokio. En tiu universitato profesoro Sasaki Teruhiro instruas Esperanton. Studentoj en lia kurso organizis la klubon. La kunsido okazas je la 16a ĉiun vendredon. Nun partoprenantoj estas nur 6, sed li esperas, ke pli multe ĉeestos.

En Universitato Saitama, ankaŭ en kiu li instruas Esperanton al pli ol 50 studentoj, estas organizita E-klubo.

## Ekspozicio de Esperanto-Klubo

La 5an de septembro okazis Kultura Festivalo de Knabina Supera Mezlernejo Sanjoo en la gubernio Okajama, en kiu

Esperanto-klubo ekspoziciis jene: “Kio estas Esperanto?” “Leteroj el Pollando, Hungario, Norvegio, Finnlando, Belgio ktp.” “Kvizo pri Esperanto-vortoj”, “Svislando, ĝiaj lingvoj kaj kulturoj” surbaze de prelego de Mirejo, kiu vizitis la lernejon komence de ĉi tiu jaro. Pli ol 100 homoj vizitis la ĉambron kaj la klubanoj estis tre okupitaj. La klubo gajnis la duan premion en la konkurso de la ekspoziciaĵoj. Harada Husako, gvidantino de la klubo



# Kalendaro 2010

S-ro HORI Jasuo faras sian propran kalendaron jam de kelkaj jaroj el poŝtkartoj kaj poŝtmarkoj kolektitaj de li dank’ al Esperanto.




Ankaŭ por la venonta jaro li faris tre belan kalendaron. La 12 folioj konsistas el jenaj eventoj kaj landoj: Novjaro (foto), Hungario, Germanio, Francio, Afrika-Kontinento, Mongolio, Kubo, Esperantujo, Pollando, Vjetnamio, Koreio kaj

Kristnasko.

## Ĉinio

# La Unua Somera Buŝkurso, Harbino




Invitite de s-ino Sing Ping, la ĉefrespondecantino de Harbin-Yutong Evoluanta Instituto de Esperanto, mi kaj s-ro Ma Young-tae, la akademiano de Esperanto, atingis Harbinon la 14an de julio. Ni kune gvidis E-kurson nomatan la Unua Somera Buŝkurso de Esperanto en Harbino. 15 gestudentoj el kvar universitatoj partoprenis la kurson. Kelkaj el ili nur komencis lerni esperantajn literojn antaŭ unu tago de nia alveno al Harbino.

La kurso komenciĝis ekde la 15a ĝis la 29a de julio dum 15 tagoj. La ĉefcelo de nia alveno estis paroligi gestudentojn en Esperanto. En la komencaj du tagoj, gestudentoj ne kutimiĝis paroli tute en Esperanto, dirante, ke ili ne bone komprenas. Mi diris al ili: "Beboj ĵusnaskitaj ankaŭ ne bone komprenas la parolon de kreskuloj, kaj iom post iom beboj komprenas. Nun vi ja estus beboj, kaj ankaŭ iom post iom vi povos pli bone kompreni nian parolon, se vi persistas". Post kelkaj tagoj, gestudentoj jam kutimiĝis kaj aktivis dum interparoloj. Sekve, ni postulis, ke gestudentoj rekte

interparolu kun fremduloj pere de Skajpo. Parolinte kun fremdaj esperantistoj, gestudentoj estis ege ĝojaj, ĉar fremdaj samideanoj bone komprenis ilian parolon kaj ankaŭ ili bone komprenis la parolon de fremduloj. Ĉiuj esprimis, ke ili certe daŭrigos la lernadon de Esperanto.

S-ro Huang Yinbao, ĝenerala sekretario de Internacia Agrikultura Esperanto-Asocio, vizitis la kurson post longa vojaĝo. Fakte, li povas bone paroli en Esperanto. Li venis al la kurso por ĝui la etoson de Esperantujo, ĉar mankas al li la atmosfero hejme. Dum la restado en Harbino, s-ro Huang donis al nia kurso grandan helpon, pro kio s-ro Ma Young-tae, s-ino Song Ping kaj mi ege dankas lin.

Kiam la kurso finiĝis, multaj gestudentoj sentis grandan domaĝon pro nia baldaŭa foriro. Mi diris al la studentoj, ke ne ekzistas senfina bankedo en la mondo kaj dirante al ili, ke ni daŭre helpos ilian lernadon de Esperanto tra interreto kaj ili povos daŭre lerni senpage en nia hejmpaĝo de Esperanto .<www.ciesp.cn>.

Liu Baoguo de "songheshu" <songheshu@126.com>

## ĈEL Serĉas Tradukiston/Redaktoron

La retejo "El Popola Ĉinio" <vidu http://www.espero.com.cn> estas Esperanta retejo, kiu dissendas informojn pri socio, kulturo kaj ekonomio de Ĉinio kaj ankaŭ pri la Esperanto-movado. Por disvolvo de la retejo, la redakcio serĉas alilandan esperantistan redaktoron, kiu havos la taskon redakti kaj lingvopoluri artikolojn de la retejo. Kondiĉoj por kanditatiĝi al la posteno estas, ke li aŭ ŝi devas esti malpli ol 50-jara, havi klerecon de supera lernejo, posedi relative altan nivelon de Esperanto, esti sperta en redaktado kaj koni la ĉinan kulturon. Aparte bonvena estas tiu, kiu profesie okupiĝas pri historio, sociologio kaj literaturo.

Kiu interesiĝas pri la posteno, bonvolu sendi sinproponon inkluzivantan la nomon, sekson, aĝon, ŝtatanecon, loĝ-lokon, intereso-sferon, profesio(j)n, esperantistan karieron, edukan diplomon, kaj esperantajn verkojn al nia retpoŝto:

<elpc@china.com> kaj <chenji99@yahoo.com.cn>.

## La 3-a Internacia Festivalo de Esperanto



Plensukcese okazis Tria Zaoznhuang-a Internacia Festivalo de Esperanto la 25-27-an de septembro en la urbo Zaozhuang fama pro Esperanto en Azio, en kiu partoprenis 4 francaj, 5 japanaj kaj pli ol 20 ĉinaj esperantistoj, kaj ankaŭ iuj subtenantoj de Esperanto. En la festivalo prelegis s-ro prof. Liu Xiaojun, la prezidanto de Shandong-a Esperanto-Asocio, pri rakonto de Konfuceo, kaj s-ro Sun Mingxiao pri Ĉinaj Proverboj. La internacia foto-konkurso de esperantistoj funkciis, sed nur pli ol 24 fotoj venis al la konkurso. S-ro Hao Tao, fama fotisto kaj subtenanto de Esperanto, aranĝis la propran fotoekspozicion. En Zaozhuang-a Profesia Universitato oni interŝanĝis la te-kulturojn de Japanio kaj Ĉinio. S-ino Huĵimoto Hideko gvidis la japanan te-prezentadon.

La prezidanto de UEA d-ro Probal Daŝgupta kaj la urbestro d-ro Chen Wei sendis la gratulajn mesaĝojn. Reprezentantoj de la Zaozhuang-a Universitato kaj Zaozhuang-a Profesia Universitato

partoprenis en la festivalo kaj komprenis nian movadon kaj nian lingvon, tial ke ili planas enirigi Esperanton en siajn universitatojn.

Ankaŭ kelkaj esperantistoj en la nomo de ĈEL kaj Ĉina Radio kaj lokaj Esperanto-asocioj prezentis bukedojn al Zamenhof-statuo en kultura placo en la urbo.

Semio <semio@163.com>

# La 2-a Lushan-Forumo de Esperanto




De la 16-a ĝis la 18-a de oktobro, 2009, okazis la 2-a Lushan-Forumo de Esperanto kun la temo "Ĝuu Esperanton" en vilao situanta piede de pitoreskejo Lushan-montaro en la urbo Jiujiang de Jiangxi-provinco, Ĉinio, Ĝin partoprenis 37 esperantistoj ĉinaj kaj alilandaj el Koreio, Hispanio kaj Usono. El Popola Ĉinio kaj Ĉina Radio Internacia sendis siajn ĵurnalistojn al la forumo. Ĉina E-ligo kaj aliaj E-asocioj sendis gratul-leterojn.

Dum la forumo prof. Gong Xiaofeng (Arko), prezidanto de la Jiangxi-a Esperanto-Asocio, faris raporton pri laboroj de la asocio en la jaroj 2008-2009. S-ro Hu Guozhu, veterana esperantisto el Hubei-provinco, faris ĉefprelegon sub la titolo "Tao Yuanming kaj lia <Libera Pensgalopo>", Augusto Casquero el Hispanio faris prelegon pri E-instruado en la urbo Fushan, Kantono, kie li nun

instruas Esperanton, Dennis Keefe el Usono pri instruad-metodo de Esperanto, kaj s-ro Peng Zhengming (Trig) pri Esperanta vortludo, ktp., sume 12 prelegoj kaj paroloj estis en la forumo. La forumo aranĝis ankaŭ Esperantajn kursojn por komencantoj kaj progresantoj gvidataj de Dennis kaj Augusto, ekskurson kaj diversajn amuzajn aktivadojn. La partoprenantoj interŝanĝis Esperantajn legaĵojn kaj memoraĵojn. La forumo donis al la samideanoj bonan ŝancon ĝui, uzi kaj disvastigi Esperanton.

La 3-a Lushan-Forumo okazos en la ĉefurbo Nanchang en oktobro 2010.

Arko <arko.gong@qq.com>

## Okazos en Nankino la 8-a Ĉina Kongreso

La 3an-5-an de decembro okazos en Nankino la 8-a Ĉina Kongreso de Esperanto kun la temo "Altigi instruadon kaj aplikadon en Esperanto por konstrui harmonian mondon".

En la kunveno oni ekzamenos la laborraporton, revizios la statuton, kaj elektos novan estraron de la Ĉina Esperanto-Ligo (ĈEL).

Redaktoro: Liu Zijia

## 10-taga Instruada Seminario en Taiyuan en 2010

Ni planas okazigi 10-tagan instruadan seminarion en urbo Taiyuan, Ĉinio, en julio aŭ aŭgusto 2010. La celo estas altigi E-nivelon de la ĉinaj E-instruistoj.

Por krei bonan etoson de Esperanto, ni volas varbi volontulojn el alilando. La volontuloj devas esti spertaj en instruado de Esperanto. Dum la restado de la seminario, ili ne bezonas pagi por la manĝaĵo kaj loĝejo. Tiuj estos senpagaj. Tamen ili devas mem pagi por la biletoj al kaj de Ĉinio. Se iu volus vojaĝi al alia urbo, ni povus aranĝi por li.

Arko, Prezidanto de ILEI-Ĉinio <arko.gong@qq.com>

**Koreio**

# La 41a Korea Kongreso de Esperanto




La 24an-25an de oktobro okazis la 41a Korea Kongreso de Esperanto en Seula Junulara Gastejo en Seulo kun la kongresa temo "La 10-jara strategio de Korea Esperanto-movado". Aliĝis 90 esperantistoj kaj 82 el ili fakte partoprenis inkluzive de 4 el Japanio kaj 1 el Respubliko Kongo.

La programo aranĝita ĉefe laŭ la kongresa temo (por tio LKK limigis fakkunsidojn) ŝajnis peza, sed funkciis freŝe kaj bonkvalite. Kadre de la kongresa temo troviĝis du el tri prelegoj en Kongresa Universitato, du diskutoj pri kongresa temo, kaj Simpozio.

La du rilataj prelegoj de la Kongresa Universitato estis "Stato de Korea E-movado" kaj "Kial oni selektis la temon?", kiuj okazis posttagmeze la 24an. La unua skizis ĉefe Esperanto-edukadon, financajn aferojn, membriĝo al KEA, kaj diversajn ĝisnunajn aferojn aŭ problemojn dum la lastaj dek jaroj. Do ĉeestantoj bone informiĝis pri la nuna situacio de Korea Esperanto-movado kaj Korea Esperanto-Asocio. La dua klare kaj konvinke klarigis, kial ni bezonas informiĝi pri tiaj aferoj, kaj instigis nin proponi bonajn viziojn por nia movado.

Sekvis la unua diskuto pri la kongresa temo, kaj la dua okazis

antaŭtagmeze la 25an. Dum la diskutado oni vigle kaj profunde traktis jenajn: financaj kaj organizaj aferoj de KEA; kunlaboro inter la KEA kaj ĝiaj filioj aŭ branĉoj; dezirindaj roloj de gvidantoj; Esperanto-edukado speciale por plialtigi lingvokapablon post baza kurso por preskaŭ 700 ĉiujaraj novaj junaj esperanto-lernantoj el kursoj de tri universitatoj, Seula Esperanto-Kulturcentro, Daziwon (Esplora Ĝardeno de Amasa Inteligento), Namgang Esperanto-Lernejo, kaj lokaj esperantistaj grupoj, ktp. La Simpozio okazis antaŭtagmeze la 25an kaj la ĉeftemo daŭris kaj alproksimiĝis al praktikeblaj detaloj kaj rezultoj.

La kongresejo situas sur la flanko de la monto Namsan kaj estas ĉirkaŭita per densaj arbaroj, kio donis ŝancon ĝui aŭtunan atmosferon. Kaj de la supra ĝardeno de la konstruaĵo oni povis rigardi panoramon de la seula urbocentro.

Antaŭ la malfermo de la kongresejo, metane de la 24a, okazis antaŭkongreso al Namsan-Hanok-Vilaĝo, kie troviĝas kelkaj tradiciaj koreaj domoj de Joseon-Dinastio kaj belaj ĝardenoj antikvaj.

Vespere je la 7a horo de la 24a kun la himno "La Espero" komenciĝis inaŭguro, en kiu salutis prezidantoj de KEA, KAEM, LKK, kaj oni laŭtelegis mesaĝojn de UEA-prezidanto kaj aliaj organizaĵoj. Poste salutis reprezentantoj el lokaj grupoj kaj eksterlandaj esperantistoj. Al tri personoj kaj du grupoj estis donitaj la 9a Hajpin-Premio, la 9a Premio LEE Chong-Yeong, Premio al bona Esperanto-rondo en 2009, kaj Premio al personoj kontribuintaj al Korea Esperanto-movado.

Sinsekvis du interkonaj vesperoj. Unu estis kutima kaj okazis en la kongresejo, en kiu oni ĝuis diversajn muzikojn, kantojn, poemo-recitadojn, dancojn kaj aŭkcion. Aŭkcio estis unu el la plej plezuraj programeroj. La alia estis ne ordinara kaj speciale aranĝita laŭ kutimo de koreeca renkontiĝo. Ĝi okazis en restoracio en la urbocentro kaj volontuloj ĉeestis kaj ĝuis koreajn manĝaĵojn kun iom da alkoholaĵo kaj kantadon en kantejo ĝis sufiĉe profunda vespero.

En la kongreso troviĝis specialaj eventoj: Interŝanĝo de libroj; prezenti sian karesnomon (Belmonto kaj Unika bone prezentis siajn karesnomojn kaj gajnis premiojn); fotado kun d-ro Zamenhof (ne kun reala Zamenhof, sed kun portreto de Zamenhof pentrita de pentristo Ho Song); bazaro ktp. Infana kurso okazis dum la kongreso kaj la ĉeestantoj povis amuzi sin per ludoj, kantoj ktp.

Je 13:30 de la 25a okazis ferma ceremonio post memorfoto. En ĝi substrekiĝis volontulaj servoj sub la verda stelo, preparaj laboroj por Komuna Kongreso inter Japanio kaj Koreio en 2011, graveco de junulara movado, partopreno en Azia Kongreso venontjara, kaj ankaŭ eventuala okazigo de UK en Koreio. Ĉiuj en la korea esperantistaro konsentis kaj promesis subvencion por junulara movado, nia espero kaj nia estonteco.

CHOI Eun-Suk <istelchoi@hanmail.net>

**Nov-Kaledonio**

## Tri Libroj en Bibliotekoj




Komence de aprilo prelego okazis en la prestiĝa biblioteko de la ĉefurbo Noumea, kie ĝis tiam eĉ ne unu Esperanto-libro ekzistis. Sed jen la bona novaĵo: la bibliotekestroj plenumis sian promeson kaj akiris tri verkojn, nun alireblajn de la publiko – du por la biblioteko mem kaj la tria por la urbo en la norda parto de la teritorio. Ili nun kuŝas en elstara loko sur elmetejo, kie oni eksponas la laste akiritajn eldonaĵojn por allogi la legontojn kaj prunteprenontojn. La Grupo Esperanto Noumea iomete fieras pro tiu bela sukceso.

Lena Leroy, delegito UEA <esperantonoumea@lagoon.nc>

**Vjetnamio**

## Sukcesa Somera E-kurso por Studentoj

Vjetnama Esperanto-Asocio de Hochi-Minh-Urbo (VEAH) de junio ĝis aŭgusto, 2009, sukcese organizis Someran E-kurson por studentoj de Malferma Universitato de HCM-Urbo. Dum ok semajnoj (tri fojoj semajne kaj po du horoj foje). 25 studentoj diligente studis la elementan programon de Esperanto. La kursanoj estis loĝantoj de malsamaj provincoj de Vjetnamio. Gvidanto de la kurso estis s-ro Tran Quan Ngoc, KAEM-ano, kiu en somero de 2008 sukcese instruis Esperanton por laosaj gestudentoj. Jen estas nomoj de bonaj kursanoj:

Gestudentoj: Do Thi Kim Yen, Nguyen Thi Thu Hien, Ninh Van Quan, Le thi Thanh Thuy, Ta Phi Quyen, Le Thi Huong

Universitata instruisto: Nguyen Thanh Chuyen.

Post la fino de la kurso ili promesis daŭrigi lernadon en E- kurso por progresantoj en nia urbo.

Tran Quan Ngoc <tqngoc38@yahoo.com.vn>

**Pakistano**

## La 31-a Jara Somera Kongreso

Mi kun ĝojo informas, ke laŭ la tradicio de Pakistana Esperanto-Asocio sukcese okazis nia 31-a Jara Somera Kongreso en la urbo Murree. Ni sukcese aranĝis nian seminarion, kunsidojn kaj Esperanto-klasojn en Degree Kolegio Ghika Gali, Muree. Samideanoj el diversaj urboj partoprenis.

Ni decidis diversajn aferojn: PakEsA partoprenos en la 6-a Azia Kongreso en Mongolio en 2010 kaj PakEsA estu kandidato por aranĝi la 7-an Azian Kongreson en Pakistano en 2012.

Tariq Umer Ch. <pakesa@yahoo.com>

**Barato**

## Sukcesaj Aranĝoj por Eŭropa Tago de Lingvoj

Sufiĉe sukcesaj estis la aranĝoj por la ĉi-jara Eŭropa Tago de Lingvoj, la 26an de septembro, en Hajderabado, Barato. Kunorganizis ilin ĉi-urbaj esperantistoj, reprezentante UEA-n, kune kun lingvo-instruantaj institutoj en Hajderabado. Kiel mi emfazis en mia parolado, temas pri "Eŭropa Tago de Lingvoj"; ne *Tago de eŭropaj lingvoj*!

Dum la dutaga seminario en Universitato de Hajderabado, “Tutmonde kaj enronde: la rolo de fremdaj lingvoj en Barato” (angle: Towards a Glocal World: the Role of Foreign Languages in India) ĉirkaŭ 20 reprezentintoj kaj eble 40 aliaj universitatanoj kaj lingvoinstruantoj vigle diskutis la diversajn aspektojn de la temo.

Kadre de la Internacia Jaro de Akordiĝo, proklamita de la Unuiĝintaj Nacioj, mi faris (anglalingvan) prezentaĵon titolitan "Esperanto: pacedukilo en enronda mondo" (angle: Esperanto: A Peace-Education Tool in a Glocal World).

Mi parolis pri
* la bezono por pacedukado kiel studobjekto en Barato kaj nia regiono
* la efikeco de ĉia edukado en la gepatra lingvo
* la eblecoj en la interreta epoko fari transregionajn kaj interlandajn lernejajn projektojn
* la neefikeco (kaj nejusteco) elekti (ekzemple) la hindian aŭ la anglan kiel komunikilojn por tiaj ĉi projektoj inter malsamlingvanoj
* la trajtoj de Esperanto, kiuj igas ĝin bona ilo en ĝuste tiaj ĉi kuntekstoj
* la multkulturaj komunumoj, kiuj jam uzas Esperanton
* la jamaj projektoj lernejaj en la Esperantujo (danke al la lavangeto da informoj en la diskutgrupo "Internacia Laborgrupo por Antaŭenigi la Lernejan Instruadon de Esperanto" – koran dankon!)
* la farebleco de similaj projektoj pacedukcelaj en nia regiono

Sekvis interesa diskuto, kaj ŝajnis al mi, ke oni sufiĉe serioze

traktis la sciigojn kaj proponojn.

La dua aranĝo (en Universitato de la angla kaj fremdaj lingvoj – angla mallongigo, EFLU) havis du partojn: filmfestivalon de anglaj, francaj, germanaj, hispanaj, italaj kaj rusaj filmoj, kaj lingvobudojn, kiuj prezentis Esperanton kaj ĉiujn tiujn lingvojn krom la itala. La filmojn spektis nek mi nek amiko Siva (kiu energiplene kunlaboris ĉe-bude same kiel pasintjare).

Vizitis nian ekspozicieton ĉirkaŭ 100 homoj, plejparte gejunuloj. Denove (same kiel pasintjare) ili miris, ke ekzistas io tia kia Esperanto! La plimulto jam estis lernantoj de la diversaj lingvoj instruataj en EFLU, kaj do bone komprenis la malfacilaĵojn lerni fremdajn lingvojn. Ĉirkaŭ 30 lasis ĉe mi siajn kontaktadresojn, kaj mi jam direktis ilin retpoŝte al la lernomaterialo ĉe "lernu.net", ankaŭ instigante ilin kompari la anglalingvajn kursojn kun la kursoj en la fremdaj lingvoj, kiujn ili efektive lernas.

Estis aranĝaro sufiĉe kontentiga. Dankon al la kunorganizantoj, kaj aparte al amiko Siva! Pli da informo en mia blogo <http://giridhar.ipernity.com>.

A. Giridhar RAO <agiridhar.rao@gmail.com>

## La dua Junulara Renkontiĝo inter Oomoto kaj Ŭonbulismo

La Junulara Renkontiĝo inter Oomoto kaj Ŭonbulismo (JURE) komenciĝis pasintjare, surbaze de la decido pri la reciproka vizitado pere de Esperanto. Danke al tiuj du religioj favoraj al Esperanto, la kunlaboro kreskas kaj fariĝis efektive unuanura interreligia agado en la junulara Esperanto-movado.

La dua JURE okazis en Seulo, Koreio, de la 28-a ĝis la 30-a de junio kun la partopreno de 6 gejunuloj de Oomoto kaj 9 de Koreio. En la 29-a antaŭtagmeze, gejunuloj de Oomoto vizitis la templon Jogyesa, la centron de la plej granda budhisma eklezio en Koreio, la centran oficejon de Cheondogyo (korea tradicia religio) ktp. sub la gvido de ŭonbulanoj. Posttagmeze gejunuloj de ambaŭ religioj

turisme promenadis en Myeongdong (la plej vigla distrikto en Seulo) kaj Insadong (tradicia distrikto en Seulo). Post vespermanĝo partoprenantoj de Oomoto okazigis "Vesperon de Oomoto" por koreoj en la preĝejo de Ŭonbulismo.

Antaŭtagmeze en la 30-a la ferma ceremonio okazis. En la flughaveno Incheon, gejunuloj de ambaŭ religioj adiaŭis, ĵurante la rerenkontiĝon en proksima estonteco.

Okuwaki Tosiomi <t-okuwaki@oomoto.or.jp>

# Citaĵoj pri Esperanto de famaj Orientanoj

**Rabindranath Tagore** (1861-1941) - bengala poeto kaj verkisto, Nobelpremiito

Ĝi [Esperanto] estas granda elpensaĵo kun grandegaj eblecoj, kiu - tiel mi esperas - iom post iom akiros la fekundecon necesan por la produktado de vivanta literaturo. (1926)

**Mahendra Bir Bikram Shah Dev** (1929-1972) - reĝo de Nepalo

Se Unuiĝintaj Nacioj rekonas Esperanton kaj jam uzas ĝin por siaj eldonaĵoj, tiam ankaŭ Nepalo subtenos la ideon kaj klopodos enkonduki tiun efikan ilon de internacia interkompreniĝo. (1957)

**Mau Zedong** (1893-1976) - gvidanto de Popola Ĉinio, poeto, verkisto kaj filozofo

Mi dirus ankoraŭ la samon: Se oni prenas Esperanton kiel formon por porti la ideon vere internaciisman kaj la ideon vere revolucian, do Esperanto povas esti lernata kaj devas esti lernata. (1939)

Laŭ CED/Isaj Dratwer, Pri internacia lingvo - dum jarcentoj, 1970

Krzysztof Śliwiński, Muzeo pri Azio kaj Pacifiko en Varsovio
<oriento@wp.pl>

Letero el Vjetnamio

# Mia Longa Vojo al Esperanto



Mi ĉiam ĝojas kaj havas specialan etoson, kiam mi renkontas esperantistojn. Mia vojo al Esperanto estis longa. Mi jam hazarde konis ĝin, leginte artikolon sur iu gazeto kaj tuj mi tre volis lerni ĝin, sed tiam mi loĝis en Bac-Giang-provinco, tie neniu konas la internacian lingvon, tial mi ne sciis, kie kaj kiel mi povos lerni. Dum longa tempo mi ne povis, sed ĉiam mi memoras pri la lingvo, kiu estas nomata la internacia lingvo Esperanto. Post longa tempo, antaŭ 3 jaroj, kiam mi komencis lerni en universitato en Hanojo, mi provis trovi instruiston de Esperanto, sed mi konis neniun. Antaŭ unu jaro, kiam mi vizitis retejon "lernu.net", mi decidis, ke mi mem lernu ĝin. Bonŝance tie mi amikiĝis kun kelkaj nevjetnamanoj en eksterlando kaj ili hepis min trovi instruistojn kaj donis al mi adreson de hanoja esperantisto. Mi kontaktis lin, poste tiu prezentis al mi alian esperantiston. Denove mi kontaktis tiun kaj tiu estas mia nuna instruisto Toan. Post interparolo li akceptis min kiel sian studentinon, kaj ekde tiam mi komencis lerni Esperanton sola kun li, 2 horojn semajne. Kaj ĝis nun mi lernis ĝin preskaŭ unu jaron. Laŭ mi, Esperanto estas tre bela, facila kaj logika lingvo. Pli kaj pli mi amas ĝin.

Phuong Nguyen

# Aktivuloj, membriĝu al UEA subvenciite de "Fondaĵo Azio de UEA"

Estas malfacile por esperantistoj loĝantaj en nepagipovaj landoj membriĝi al UEA pro financa kialo, tamen certe vi volas esti membroj de UEA. Do sendu jenan peton al KAEM. Se KAEM konstatas, ke vi estas diligentaj esperantistoj, ĝi aligas vin al UEA senpage kaj vi ricevos la belkoloran organon "Esperanto" 11 fojojn jare. Jam vi ne estos izolitaj esperantistoj, sed en la rondo de la monda esperantistaro.

**Aliĝ-maniero**

1. Skribu jenajn tri aferojn.
   1) Viaj nomo, adreso, retadreso, naskiĝdato, profesio, kariero en Esperantujo ktp.
   2) Viaj agadoj por la movado en 2009
   3) Viaj planataj agadoj en 2010.
2. Sendu ĝin poŝte al KAEM: p/a Japana Esperanto-Instituto (JEI)
   Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
   Aŭ sendu rete al s-ro Sasaki Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp>
3. Limdato: la 20a de decembro 2009.

**Notoj:**

1) **Skribu klare vian nomon kaj adreson en Esperanto!!!**
2) Rajtas membriĝi nur unu el la familianoj en la sama adreso.
3) Skribu "Projekto C" sur la koverto.
4) Nomoj de akceptitaj membroj aperos en tiu ĉi revuo aŭ en TTT-ejo de KAEM <http://www.kaem.org/>.

* En 2009 estis akceptitaj 150 homoj: el Afganio 1, Azerbajĝano 1, Bangladeŝo 1, Barato 4, Ĉinio 42, Pakistano 20, Filipinoj 3, Indonezio 2, Kamboĝo 1, Laoso 3, Mongolio 5, Nepalo 6, Srilanko 5, Tajlando 1, Turkio 1, Uzbekio 1, Vjetnamio 53.
*Por 2010 ni atendas petojn precipe el Irano, Barato, Kazaĥio kaj sendependiĝintaj landoj en eksa Sovetunio.

# === Esperanto-eventoj 2009-2011 ===

* En la suba listo ne estas aldonitaj kontaktadresoj de E-aranĝoj. Se vi havos intereson pri tiuj, turnu vin al la redaktoro HORI <hori-zonto@water.sannet.ne.jp> aŭ la prezidanto de KAEM s-ro LEE Jung-kee <esperanto@saluton.net>.

## Azio

### 2009

11.21 ~ 22 /La 10-a Ĉuugoku-Ŝikoku-Esperanto-Kongreso / Kooĉi, Japanio

12.3 ~ 5 /La 8a Ĉina Kongreso de Esperanto / Nankino, Ĉinio

12.11 ~ 12 /Junulara Renkontiĝa Vespero / Harbin, Ĉinio

12.26 ~ 28/ La 28a Komuna Seminario / Nankin-a Universitato, Nankino, Ĉinio, Kontaktu: Jiang Limin <lamondo@163.com>

12.30 ~ 2010. 1.2 / Transjara Kurskunveno de EPA / Kameoka, Japanio

### 2010

6.5 ~ 6 / La 59a Kantoo-Esperanto-Kongreso / Tokio, Japanio

6.5 ~ 6 / La 58-a Kongreso de Esperantistoj en Kansajo / Nara, Japanio

6.19 ~ 23 / La 6-a Azia Esperanto-Kongreso/ Ulanbatoro, Mongolio

8.8 ~ 11 / La 5-a Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Meditado / Seulo, Koreio

8.20 ~ 22 / La 6-a Ĉina Nordorienta Esperanto-Kongreso / Dandong, Ĉinio

10.9 ~ 10 / La 97-a Japana Esperanto-Kongreso / Nagasaki, Japanio

10.23 ~ 24 / La 42-a Korea Esperanto-Kongreso / Koreio

### 2011

10.7 ~ 9/ Komuna Kongreso de Esperanto inter Koreio kaj Japanio aŭ inter Japanio kaj Koreio / Busan Convention Bureau (BCB), Busano, Koreio

Samloke kaj samperiode en Busano okazos La 43a Korea

Kongreso de Esperanto kaj La 98a Japana Esperanto-Kongreso.

## Ĉefaj Aranĝoj en la Mondo

2010.1.11 ~ 23 /Aŭstralia Esperanta Somera Kursaro / Sidney, Aŭstralio

1.26 ~29 / Novzelanda Esperanto-Kongreso / Wellington, Novzelando

5.27 ~ 31 / Rusia Esperantista Kongreso memore al la unua Rusia Esperanto-Kongreso en 1910, en kiu partoprenis Zamenhof / Sankt-Peterburgo, Rusio

7.17 ~ 24 / La 95a Universala Kongreso / Havano, Kubo

7.24 ~ 31 / La 66-a Internacia Junulara Kongreso (IJK) / Los Cocos, Santa Cruz del Norte, Kubo

2011.7. La 96a Universala Esperanto-Kongreso / Kopenhago, Danlando

# Projektoj de KAEM

**Projekto A: Azia Kongreso**

A-1: Okazigi Azian Kongreson ĉiun duan jaron.
A-2: Partoprenigi necesajn homojn en Azian Kongreson, kiuj ne pagipovas la kotizojn ktp., per la subvencio el Fondaĵo Azio.

**Projekto B: Kunlaboro**

B-1: Regule kunveni en ĉiu Universala Kongreso kaj Azia Kongreso
B-2: Organizi fakkunsidojn pri Azio dum Universala Kongreso
B-3: Eldoni "Esperanto en Azio"-n en januaro, aprilo, julio kaj oktobro ĉiun jaron kaj sendi tiujn al pli multaj homoj en la tuta Azio.
B-4: Kolekti mondonacon al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio". Laŭlandaj tarifoj po unu homo estu jenaj aŭ pli:
Japanoj･Israelanoj: 20 eŭroj, Koreoj: 10 eŭroj,
Ĉinoj: 5 eŭroj, Alilandanoj: 2 eŭroj
B-5: Kolekti informojn pri movadoj diverslandaj por ke esperantistoj povu reciproke kunlabori por la azia movado.
B-6: Eldoni "Jarlibron de KAEM" ĉiun jaron.

B-7: Subteni projekton "Ĝemelaj Urboj" kaj helpi ĝemeliĝojn inter urboj kaj E-kluboj

**Projekto C: Rilate al UEA kaj ILEI**

C-1: Aligi ne-aliĝintajn landajn asociojn al UEA
C-2: Membrigi aziajn aktivulojn al UEA per Fondaĵo Azio de UEA. Ili ricevos ĝian organon "Esperanto de UEA" ĉiun monaton.
C-3: Membrigi junajn Esperantistojn en Azio al ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj). Ili regule ricevos "Juna amiko"-n.
C-4: Subvencii al la partoprenontoj de UK aŭ ILEI-konferenco pri kotizo aŭ vojaĝkosto laŭ bezono

**Projekto Ĉ: Edukado**

Ĉ-1: Sendi Esperanto-instruistojn al bezonataj landoj
Ĉ-2: Starigi TTT-ejon por instrui Esperanton en aziaj lingvoj

**Projekto D: Esperanto-libroj**

D-1: Eldoni necesajn librojn
D-2: Subvencii pri eldonoj de necesaj libroj
D-3: Peri transdonon de libroj de donacantoj al kluboj, asocioj ks. Pagi sendkoston por tio
D-4: Aĉeti Esperanto-lernolibrojn, vortarojn ktp. al kluboj, asocioj

## Nomlisto de KAEM-anoj kaj taskoj

1. Koreio: s-ro LEE Jung-kee (prezidanto)<esperanto@saluton.net>
   Azia Kongreso kaj ĝeneralaj aferoj (Jarlibro de KAEM ktp.)
2. Vjetnamio: s-ro TRAN Quan Ngoc (vicprezidanto) <tqngoc38@yahoo.com.vn>
   Projektoj Ĉ (Edukado), Movado en sudorienta Azio
3. Ĉinio: s-ro WANG Ruixiang (vicprezidanto) <wrxzj@tom.com>
   Projekto D (libroj), Movado en nordorienta Azio
4. Barato: s-ro Ranganayakulu (sekretario/kasisto) <ranganayakulu@gmail.com>
   Sekretaria kaj kasa laboroj (Fondaĵo Azio de UEA, buĝeto kaj kasraporto de AK), suda Azio
5. Japanio: s-ro Sasaki Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp>

Projekto C (membrigi aktivulojn al UEA), rusa Azio
6. Pakistano: s-ro Tariq Umar CHAUHDRY
<pakesa@hotmail.com>
7. Irano: s-ro Reza TORABI <torabireza@gmail.com>
TTT-ejo de KAEM, Movado en Afganio
8. Nepalo: s-ino Indu Devi Thapaliya <luno1962@gmail.com>
Junulara movado en la mez-suda Azio
9. Taĝikio: s-ro Saidnabi S <saidanbi@mail.ru> meza Azio
10. Israelo: s-ino ESTHER SEBBAN <esti33333@hotmail.com>

11. Mongolio:

**Kunlaborantoj de KAEM**

Japanio: s-ro HORI Jasuo (redaktado)/ s-ino TAHIRA Masako (provlegado)/ s-ro ISINO Yosio (presado kaj ekspedo)
Koreio: s-ino CHO Myung-ja, s-ro NA Byung-do

**UEA**

S-ro Probal Daŝgupta (Prezidanto, Barato)
<probal53@yahoo.com>
S-ro HORI Jasuo (Estrarano pri landa kaj regiona agadoj, Japanio)
<hori-zonto@water.sannet.ne.jp>

---

**Esperanto en Azio**
Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
telefono: +81-3-3203-4581 fakso:+81-3-3203-4582
retpoŝto: <esperanto@jei.or.jp>
TTT-ejo de KAEM: <http://www.kaem.org/>
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0822 Gunma-ken Maebasi-si Simosinden 10-27